# TABELO DE ENHAVO



*La bildo sur la unua paĝo montras la Aŭroron Aŭstralan, fotitan la 29an de majo 2010 per fotilo en la Internacia Spacostacio.*

**Ni atentigas ke la URL de la retejo de Mirmekobo ŝanĝiĝis.** *La nova adreso estas:*

http://web.me.com/donbroadribb1/

# RAKONTO

## KAMARADO

de Jadranka Miriĉ (Serbio) la 23an de Aprilo 2010

Mi iris al la teraso, kie mi kutime sidis dum la someraj posttagmezoj por kviete ĝui kaj rigardi la sunsubiron. Mi venis ĝustatempe! Je la sepa kaj kvarono, la suno malaperis malantaŭ trietaĝa konstruaĵo. Al mi ŝajnis ke ĝi, laca, simple sidiĝis sur la pinto de la tegmento por iomete ripozi. La lastafoja sunflamiĝo kiel ruĝanta disko flamiĝis antaŭ sia tagfina kvietiĝo. La ĉielo koloriĝis blua kaj griza. Sude sur la ĉielo mi ekvidis ĉielbluan lunon kies lunringo briletis farante ĝin videbla.

Subite mi turnis mian kapon reen al la konstruaĵo aŭdinte agrablan kveradon. Du belaj turtoj sidis sur la alta strata lumiligo kaj koncertis. De ie ekblovetis. "Finfine iom da refreŝigo" laŭte mi ekflustris. Post iom da tempo mi stariĝis kaj metis miajn manojn sur la feran balkonon. Ankoraŭ ravita mi rigardis trankvile super la kapoj de la homoj promenantaj surstrate. Tiam mi ekrimarkis ian strangan mansvingadon fare de junulo inter la homamaso. Pro tio mi rigardis ĉirkaŭen por vidi tiun kiu ĵus mansvingis. Ĉu miadirekte, aŭ ne? Miaj grimacoj kaj faldita frunto montris mian penon kiom eble plej rapide memori la junulon.

"Ho, ĉu vi min forgesis?" ekkriis la junulo. Post kelkaj minutoj li puŝis antaŭen la fraŭlon, dekokjaran, kiun li firme gardis per dekstra mano.

"Kompreneble, Aca!"[1] gaje respondis mi, feliĉa ke mi sukcesis rekoni lin. "Ja, mi ne povis tuj rekoni vin pro viaj nova frizaĵo kaj koloro!"

Aca fripone okulsignis, kaj gaje alparolis: "Vidu kiun mi venigis en Nian urbon." — akcentante *Nian urbon*. Ili jam transiris la straton kaj staris ĝuste sub mia balkono.

"Franci, kiom longe mi ne vidis vin?... Ĉu vi fartas bone? Kie vi kaŝis vin, ĝisnune? tuj, laŭtvoĉe surĵetis mi demandojn al li..."Jen, mi eksilentu."

"Mi restos ĉi tie. Tutan someron. Ĉu ni morgaŭ renkontiĝos sur via bela Popova plaĝo?...En ordo?" iomete heziteme li aldonis:..."Vidu, nun ni hastas al koncerto okazonta sur la belega plaĝo. Je la naŭa ĉi-vespere! Kantas STELULOJ DE GRANDOJ!" deklamis li senspire.[2]

Akceptante volonte la proponon mi eniris la ĉambron. Mi iomete maltrankviliĝis. Ho, kiel mi surprizos miajn virojn, la edzon kaj la filon.

---

1 Aca (mallongigo de Aleksandar) estas vira nomo skribita en la serba lingvo.

2 STELULOJ DE GRANDOJ estas tre fama grand-muzikkompanio en Serbio.

“Kara, diru ‘Surprizo’, mi petas!”, parolis mi al mia edzo.

La edzo staris meze de la tagĉambro kun la manoj enpoŝigitaj. Li scivole rigardis min kaj provis malkovri pri kio temas.

“Ĉu eble vi aŭdis la konversacion okazinta sur la teraso? Divenu, kiun mi vidis je ekstere?” Lia buŝo estis duone malfermita, sed mi ne aŭdis lian voĉon.

“Mi estas laca, kara! Nun mi ne povas divenludi. Diru finfine, kiun vi vidis?”

“Franci revenis hejmen!” kiel el kanono mi respondis.

Plue sekvis: “Li kaj Aca promesis atendi nin morgaŭ ĉe la golftereno en la Popova plaĝo. Li diris: Posttagmeze, kiel kutime!.”

“Ĉu vere li revenis?” Post mallonga paŭzo li aldonis: “Bojan[1] estos feliĉa vidi lin, ĉu ne?”

“Se lin li ne forgesis, estos belege. Ni vidos morgaŭ”, mi saĝe findiris, turnante min al mia filo, Bojan. *Boko*, tiel mi alnomis mian filon tuj post lia naskiĝo, sidis komforte en sia fotelo kaj mire rigardis nin. Mi sidiĝis apud li karesante lian hararon. Kaj Boko iĝas petolema.

“Morgaŭ ni vidos vian kamaradon Franci. Franci. Franci…” ripetis mi malrapide la nomon de lia kamarado.

“Ĉu vi forgesis lin? Vian kamaradon… Vian Franci...” — mi provis malkovri ĉu en liaj okuloj mi vidis rekonon. Spontane li apogis sian kapon sur mian bruston. Liaj okuloj ridetis anstataŭ kapojesado. Ŝajnis ke mia menciado kaj ripetado de la nomo Franci gajigis lin. Kaŝe mi ĵetis rigardon al mia edzo. Sur lia vizaĝo vibris rideto.

“‘La rado de la vivo ne laciĝas!’ Ni iras ĉiam antaŭen! Morgaŭ ni konvinkiĝu kiom longe li memoras vizaĝojn.”

Kaj ĉio komenciĝis dum militoj en nia eksa patrujo, Juguslavio… La militoj trapasis unu respublikon la alia ĝis ili atingis nin, loĝantajn en la orienta parto de Serbio. Krom kelkaj bombadoj en nia ĉirkaŭaĵo ne okazis vera milito. Tamen ĉiutaga transflugado de militaviadiloj kaj bombado de niaj urboj vaste de Serbio maltrankviligis la loĝantaron. Krome al Serbio kaj Montenegro tiutempe, oni donis ekonomajn sankciojn kio signifis ke la eksteraj ŝtatlimoj estis fermitaj. Neniu povis vojaĝi eksterlanden. Ni sentis kvazaŭ oni nin enmetis en vitran pilkegon, kiun iu ajn povis elŝuti laŭvole kaj laŭeble.

Enlande iĝis peza tempo por multaj familioj. Aperis ŝtelantoj, friponoj, spertaj mensoguloj, multaj sektoj, drogovendantoj, agentejoj por prostituadoj, agentejoj por profetoj kaj sorĉistinoj... Kaj okazis tiom da memmortigantoj! Poste, multaj homoj ne laboris pro fermitaj fabrikoj, kaj pro sankcio mankis

[1] Bojan (alnomo Boko) vira nomo

nutraĵo, mankis kafo, oleo, pano. Por ĉiu bezonata aĵo aŭ afero oni devis stari en longaj vicoj, kaj al ĉiuj mankis afableco, kaj iom post iom dum la milittempo daŭradis manki solidareco, mankis amikeco, baldaŭ ĉio mankis al ordinara homo.

En tia militaĉa kaj fitempo mi ekkonis du tiamajn urbajn friponetojn: Aca kaj Franci. Ili pasigis tutan tagon sur stratoj. Tio ke ili estas romaoj[1] ne distingis ilin de aliaj stratajn knabetoj... Mia edzo jam konis ilin. Pro ilia ĉiutaga strata vivo ili aspektis kiel ili vivis. Ju pli ili amikadis kun malbonuloj des pli ili kliniĝis al tia krima mondo. Multaj ĉi tieaj loĝantoj tre bone konis ilin. Ili ofte predikis al la knabetoj ke ili forlasu tian malbonan vivomanieron, kaj ne plu devojiĝu. La ŝtata Instituto por Socia Protektado de Infanoj ankaŭ multe helpis.

Iun tagon, mia edzo rakontis al mi ke ili provis flari farbon de bronzo (uzata por farbi fornotubojn) por drogi sin. Ili estis bonŝancaj kaj post unu semajno de ilia hospitaligo revenis hejmen.

Estis belega suna tago. Mi estis gaja. Mia filo ĝuis la urban promenadon. La edzo devis puŝi la puŝseĝon de la filo sperte, ĉar la trotuaroj pleniĝis per junuloj kaj rapidantaj preterpasantoj. Dum somero mia familio praktikis ĉiutage promenadi en la proksima verda arbarparko, aŭ en la sportaj terenoj de Popova Plaĝo. Multaj homoj konas nin, precipe mian filon kiu ĉiam altiras ilian intereson. La infanoj kutime ĵetas sian rigardon kaj scivole haltetas preter–pasante nin.

Tiam mi renkontis du knabetojn. Ili staris antaŭ iu montrofenestro kaj gaje interparoladis. Vidinte nin ambaŭ tuj alproksimiĝis. Unu el ili, verŝajne pli babilema ol la dua, kun fripona mieno diris :

"Saluton! Vi ĝuas promeni tra la urbo. Ŝajnas ke ĉiuj homoj estas feliĉaj. Ho, vidu tiujn enamiĝantojn vid-al vide. Ha, ha, ha!" La knabo daŭre sin prezentis "Mi nomiĝas Aca, kaj ĉi tiu ĉi tie estas mia kamarado Franci" montrante fingre al la dua knabeto.

"Saluton, knabetoj!" sufiĉe laŭte respondis ni samtempe. Tiam Franci etendis sian manon al mia filo, atendante reciproke lian manon.

"Nu, Boko, donu al la knabeto vian manon. Vidu kiel li pacience atendas…Nu, donu vian maneton" mi ripetis milde. Dume mi salutis la knabeton anstataŭ li.

"Kial li ne parolas?" Franci demandis nin kaj kun granda intereso ekza-

[1] Romaoj/ Ciganoj. — laŭ romaa vorto "Romo" signifas Homon.

menis la filon. Samtempe, Boko donis la manon al li.

Franci havis nigran densan hararon, samkoloran okulparon kaj lia staturo malkaŝis nesufiĉe nutratan knabon. Lia blua ĵinso estis malpura kaj videble longa.

"Jen, lia mano en la mia!" En lia knabeta voĉo, vere, sentiĝis gajeco kaj sincereco.

"Kial li ne povas iri perpiede? Ĉu doloras lin la kruroj?" La demandoj sekvis unu post alia. Tiam li ektuŝis la kapon de mia filo. Subtile li karesis lian hararon. — "Vidu, kiel li ridetas. Tio plaĉas al li, ĉu ne?"

"Jes, li ĝuas. Li ŝatas karesadon", respondis mia edzo.

Intertempe Aca forkurigis iun knabeton, verŝajne iun el alia strata grupeto, aŭ iun el la antaŭurbo.

"Permesu al mi puŝi la ĉaron!" ekpetis Franci mian edzon.

"Bone, sed nur kelkajn metrojn...Vi estas ankoraŭ knabo. Ja, Boko estas duoble peza ol vi," diris mia edzo..

"Kiom aĝa estas li?" Sekvis nova demando kaj respondo.

"Li estas dudekjara. Li estas malsana ekde siaj plej fruaj monatoj de la vivo" klarigis mi al Franci. Tiam li diris ion ne atenditan: "Ne gravas tio. Boko kaj mi estas kamaradoj." Post du sekundoj li firme atestis: "Jes, ni estas kamaradoj!"

Tion ni akceptis ride, kaj mi proponis ke ni eniru en la dolĉaĵejon, dirante: "Je tiu nomo ni regalu nin!" Ni eksidiĝis en la dolĉaĵejo kaj mendis po kuketon kaj glaciaĵon.

Post tiu tago la nova kamarado de mia filo, Franci, ofte babilis kun ni dum nia promenado. Tiel ni pli bone interkonatiĝis, kaj mia filo akiris la unuan kamaradon.

Pasis de tiam multaj jaroj. Kiel mi jam rakontis, nia komuna amiko kaj kamarado de mia filo elkreskis en belan junulon. Li vizitis la (specialan) bazlernejon kaj poste ian metion. Pasis du jaroj ekde nia lasta renkontiĝo. Mi aŭdis ke li estas ie en Italio kun sia patro. Kompreneble, Aca nin ofte sciigas pri li.

"Kion vi faras, kara?" subite demandis min mia edzo. "Ĉu vi forgesis je kioma horo ni devos renkontiĝi kun Franci?" li proksimiĝis al mi sidanta en fotelo. Mi estis ekscitita kaj iom revema. "Ĉu vi min ne aŭdis?" ekkriaĉis la edzo. "*Ni* estas pretaj, eĉ mi mallevis la puŝcaron eksteren" diris li, akcentante *Ni*. Tio signifas ke ili atendas mian moŝton por ke ni forlasu la loĝejon kune. Tial mi haste surmetis miajn sandalojn kaj eliris eksteren.

Post dek minutoj ni alproksimiĝis al enirejo de la Plaĝo. Mia filo rigardis

scivole sed pro brilaj sunradioj li palpebrumadis. Tial mi metis al li sun-okulvitrojn. Li ne vole akceptis tion. Tiam mi rimarkis du junulojn irantaj al nia direkto. Samtempe ili vidis nin kaj tuj kuregis. Kaj Boko eknervoziĝis. Li ankaŭ rimarkis ilin. Al etendita mano de Franci li tuj etendis la sian.

"Vidu, kiu estas tiu junulo!... Kiom vi elkreskis intertempe!" diris gaje unuvoĉe mia edzo kaj mi. Franci staris apogante sin sur la dekstran ŝultron de Aca. Ili ridis iel embarasate.

Mia filo ĵetis la sunokulvitrojn ridete. Li vigle studis la vizaĝon de Franci kaj mi vidis flamon, t.e. rekonon, en liaj okuloj. Dume Franci lin premis ĉirkaŭbrake dirante: "Mi ne estas plu fripono. Mi perlaboras ĉi tie, kaj mi ne plu almozpetas." Li faris mallongan paŭzon, aldonante gaje: "Ĉe nia nova renkontiĝo mi regalos vin per glaciaĵo, per mia unua salajro!" fieris nia kamarado Franci, rigardante por momento min kaj mian edzon.

Ni ĉiuj konsentis kaj gaje babilante daŭrigis la vojon al la sportaj terenoj.

Kiel vivo estas bona instruisto.! Kiom da miskomprenoj, tiom da instruaj momentoj en la vivo! Vivo estas nia plej bona amiko, donacante al ni esperon kiam oni ĝin plej malmulte atendas.



## Korekto

En la rakonto "Freneza poŝtelefono" aperinta en *Mirmekobo 9*, komposteraro tordis la signifon de la lastaj vortoj. Anstataŭ "Panjon vokas Ana. Anoncu vin!" devas esti "Panjo vokas Anan. Anoncu vin!"



# POEZIO

## F'Ħaġar Qim[1]
## Tra la Staranta Ŝtonaro

*Verkita maltlingve de Ġorġ Pisani* [2]
*Tradukita de Carmel Mallia.*[3]*: 6.6.2009.* (Malto.)



F'Ħaġar Qim

Ho maja luno, nepre ne rivelu
kial en ĉi kvieta lok' mi solas;
kun la unua malta gento
vivi mi iom volas.

Iru, afabla luno; ke mi solu
por ekforgesi ĉion ĉirkaŭ mi,
volante ĝui de l'pasinta fora
tuta l'vizi'.

Silentu! Jen alvenas junulinoj
brunaj, tra l'krioj kaj kantad' amasaj,
kaj preskaŭ nudaj kun taŭzitaj haroj,
senembarasaj.

---

1 Pr: haĝar Kim: la staranta ŝtonaro apartenas al la megalita pratemplo datiĝinta de ĉ.2800 AKE.

2 Ġorġ (pr.:Ĝorĝ=Georgo) Pisani: 1909-1999. Li naskiĝis en la apuda insulo Għawdex (pr. 'Aŭdeŝ), konata ankaŭ, precipe por eksterlandanoj, Gozo. Li estis poeto, dram- kaj romanverkisto, ŝtata oficisto, membro de la AKADEMIO DE LA MALTA LINGVO kaj gajninto de pluraj premioj pro liaj diversaj verkoj. Oni rigardas lin kiel la plej grandan poeton de ĉi tiu insulo, krome unu el la elstaraj poetoj de Malto.

3 Carmel Mallia estas membro de la AKADEMIO DE ESPERANTO, kaj aŭtoro de granda nombro da prozaj libroj (romanoj kaj historiverkoj) kaj poemaroj en diversaj lingvoj.

Ili ekhaltas. Fumas l'oferejo
sankta, tra kiu nigras la nubaro;
la junulinoj plore kompat-petas
dum ĉi koŝmaro.

Tra la kurteno el la fum' aperas
du ruĝvestitaj kun brilantaj drapo,
kvastoj kaj laŭroj, kun hedero freŝa
ĉirkaŭ la kapo.

Ili la brakojn levis ekkriante:
"Gejunuloj, kun ni tuj preĝ-aplaŭdu,
kaj cele al la venk' de nia Malto
la diojn laŭdu.

La junulinoj kantas nun dolĉete:
"Sur nian landon la dibeno falu,
kaj al la malamiko atakonta
la mort' brutalu."

Ho maja luno, ne kompat-rigardu
ĉi diafanan penso-simfonion;
ne revo, ĝi; tio pratempe trafis
mian nacion.

Nu, vi ankoraŭ staras, ho sanktejo
memorigante l'vivon amdelire;
io min pelas preĝ-surgenuiĝi
respekt-sopire.

Kiel Sanktajn Laŭrencon kaj Anĝelon
mi amas vin, nestantan tra l'naturo,
ĉar vi de mia land' ĉeestis al la
venkego-ĵuro.


Ġorġ Pisani


Carmel Mallia

# LA HISTORIO DE LA SKRIBARTO

(PARTO 2)
de Donald Broadribb

Ankaŭ en aliaj partoj de la mondo bildetoj evoluis tiel ke ili normiĝis kiel reprezentantoj de vortoj (kiel en Ĉinio), de silaboj (kiel en Sumero), de konsonantoj (kiel en Egipto), aŭ finfine kiel plena alfabeto (kiel en Grekio).

## *Pli da bildoskribo: el la majaa civilizacio*




Majaa Bildoskribo

Alfabete: Ĝenerale, la signoj reprezentis silabojn. Kiam oni kunmetis silabojn, la unua bildeto indikis konsonanton plus vokalo, kaj la dua bildeto indikis nur la konsonanton de sia koncerna silabo. Ekzemple,




muut = "birdo"

Logografe: Oni ankaŭ uzis bildetojn por indiki objektojn aŭ konceptojn sen atento al la prononco. Tiel:



pakal ("ŝildo")

La skribarto iĝis tre kompleksa, tiel ke gramatikaj nuancoj estis indikebaj. Ekzemplo:




okazi okazis okazos

La plej frua skribaĵo majaa datiĝas de proks. 300A.K.E.:





La plej frua plu konservata skribaĵo majaa, sur iama muro. Trovita en Gvatemalo

Bildoj kaj informoj laŭ Wikipedia: “Maya script” kaj http://www.sanbartolo.org/science.pdf

## *Nia alfabeto*

Ŝajne surbaze de egiptaj bildosignoj (“hieroglifoj”), kiuj jam estis uzataj por parte reprezenti sonojn, simpligita alfabeta sistemo estis kreita. La plej frua ankoraŭ trovebla ekzemplo datas de ĉ. 1800AKE:



Skribaĵo sur roko, el Wadi el-Hol, Egipto, ĉ.1800AKE.

La formo de tiuj ĉizaĵetoj estas similaj al tiuj en postaj jarcentoj, sed oni ankoraŭ ne sukcesis deĉifri ĝuste kion ili diras. La signoj, dedekstre maldekstren estas en moderna alfabeto R-B-Q-Ŭ-M-Ŭ-H-Ŭ-G (aŭ P)-M-eble H-(?-?)-M-G aŭ H-eble R. En kiu lingvo estas la teksto, oni ne scias, kaj evidente ankaŭ la signifo estas nekonata nun.

Enroke ĉizitaj literoj, ĉ. 1500AKE, el Serabit el-Khadim, sur Duoninsulo Sinaja

*Evoluo de la alfabeto*

| Okcidenta ← | | Fenica | → Brameca | | | → Korea |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Latina | Greka | | Guĝarata | Devanagara | Tibeta | |
| A | A | 𐤀 | અ | अ | ཨ | |
| B | B | 𐤁 | બ | ब | བ | ㅂ, ㅁ |
| C, G | Γ | 𐤂 | ગ | ग | ག | ㄱ, (ㅇ) |
| D | Δ | 𐤃 | ધ (ઢ) | ध (ढ) | - | |
| E | E | 𐤄 | હ | ह | ཧ | (ㅎ) |
| F, V | F, Y | 𐤅 | વ | व | ཝ | |
| Z | Z | 𐤆 | દ (ડ) | द (ड) | ད (ཌ) | ㄷ, ㄴ |
| H | H | 𐤇 | ઘ | घ | - | |
| - | Θ | 𐤈 | થ (ઠ) | थ (ठ) | ཐ (ཋ) | |
| I, J | I | 𐤉 | ય | य | ཡ | |
| K | K | 𐤊 | ક | क | ཀ | |
| L | Λ | 𐤋 | લ | ल | ལ | ㄹ |
| M | M | 𐤌 | મ | म | མ | |
| N | N | 𐤍 | ન | न | ན | |
| - | Ξ | 𐤎 | શ | श | ཤ | |
| O | O | 𐤏 | ? | | | |
| P | Π | 𐤐 | પ, ફ | प, फ | པ, ཕ | |
| - | ϡ | 𐤑 | સ | स | ས | ㅈ, ㅅ |
| Q | Ϙ | 𐤒 | ખ | ख | ཁ | |
| R | P | 𐤓 | ર | र | ར | |
| S | Σ | 𐤔 | ષ | ष | ཥ | |
| T | T | 𐤕 | ત (ટ) | त (ट) | ཏ (ཊ) | |

Tabelo montranta la evoluon de litersignoj

Dum la pasado de jarcentoj el la fruaj bildetoj evoluis diversaj normaj formoj de literoj en diversaj partoj de Eŭrop-Azio. Ŝajnas ke la Fenicanoj popularigis la alfabeton per ĝia utiligo por var-dissendoj, fakturoj, kvitancoj, stoklistoj, kaj aliaj merkatadaj/komercadaj celoj. Oni adaptis la alfabetajn literojn al plej diversaj lingvoj, kaj kvankam la literformoj restis pli-malpli rekoneblaj, la sonoj reprezentataj de la literoj variegis laŭ la lingvoj por kiuj ili uziĝis.

Faciligas rekoni la evoluon de la literformoj kiam oni pripensas ke la direkto de skribado multe variis. En kelkaj regionoj oni skribis dedekstre maldekstren, en aliaj demaldekstre dekstren, tiel ke la formo de literoj inversiĝis, ekz. fenice 𐤂 kaj greke Γ. La fenicanoj skribis dedekstre maldekstren, kaj la grekoj demaldekstre dekstren. Sed ankaŭ ofte en la fruaj jarcentoj oni

skribis vertikale anstataŭ horizontale, kiel ni vidis en la bildoj sur paĝo 13.

En la fenica uzado, oni skribis nur konsonantojn. Kiam la grekoj adoptis kaj adaptis la fenican alfabeton, ĉ. 800A.K.E, ili adaptis kelkajn el la signoj por indiki vokalojn (ekzemple: la literoj ΑΕΙΟΗΥ) kaj aldonis novajn signojn por aliaj konsonantoj (ΦΧΨ) kaj por la vokalo Ω.

Ne indikitaj en la ĉiasupra tabelo estas la araba kaj la cirila alfabetoj, kiuj ankaŭ iom nerekte venis el la sama origino.

## *La Araba Alfabeto*

La unua plu konservata teksto en la araba lingvo estis verkita en la jaro 512K.E., kiel parto de trilingva skribaĵo (siria-greka-araba), trovita ĉe Zabad en Sirio:



La araba aspektas tiel (legu dedekstre maldekstren):

La individuaj literoj estas:[1]

ا ب ج د ه و ز ح ط ى ك ل م ن ع ف ص ق ر س ت

La precizan interrilaton de la ĉisupra skribaĵo kun la jam montritaj alfabetoj estas necerta. Kutime oni opinias ke ĝi evoluis el unu el la semidaj alfabetoj, kiuj siavice originis en la fenica alfabeto.

## *La Cirila Alfabeto*

La cirila alfabeto estis bazita sur la greka, kun kelkaj aldonitaj literoj. Ĝin preparis adeptoj de Sanktaj Cirilo kaj Metodo, ĉ. 900K.E. Kiam oni komparas la grekan kaj la cirilan alfabetojn, la parenceco estas evidenta:

Greka: ΑΒΓΔΕΖΗΘΙΚΛΜΝΞΟΠΡΣΤΥΦΧΨΩ

Cirila: АБГДЕЖЗИЙзКЛМНОПРСТУФХЦЧШЩЪЫЬЭЮЯ

---

1 La stenografa sistemo de Pitman kurioze similas al la arabaj literoj:

## *Evoluo de la Latina Alfabeto*

Ĝis proksimume 200A.K.E. la latina alfabeto uzis saman literon por la sonoj *de k* kaj *g*. Ĉ. 230A.K.E. la romano Spurius Carvilius Ruga, kiu establis la unuan porpagan lernejon en Romo, modifis la literon C por fari el ĝi variantan formon G, kaj la nova literformo restis de tiam en la latina alfabeto. La litero K, kies sonon jam indikis la literon C, malpopulariĝis de tiam.

La litero J ne estis en la latina alfabeto; ĝi estas relative moderna litero. En la roma periodo, oni ofte ornamis la literon I tiel ke ĝi aspektis J, sed ĝi ne havis alfabetan rolon. Nur en ĉ.1524, italo, Gian Giorgio Trissino, distingis I kaj J kiel apartajn literojn. La "novan" literon adoptis la plej multaj eŭropaj lingvoj, sed la sono kiun ĝi reprezentas variegas laŭ la lingvo. (Ekz. en la angla J indikas la sonon *ĝ*, en la hispana la sonon *ĥ*, en la germana nian sonon *j*, en la franca la sonon *ĵ*, kc.kc.)

La litero U ne estis parto de la latina alfabeto; nian sonon *u* oni reprezentis per la litero v. Nur en la moderna epoko, ĉ. la fino de la 1500ojK.E.., oni enkondukis distingon inter du formoj de la litero: *u* kaj *v*.

La litero W ankaŭ ne ekzistis en la latina alfabeto. Oni en Eŭropo skribis VV por nia sono *ŭ*, kaj nur ĉ. 1300k.e. oni kunligis VV por fari novan literon W, kies sono estas iom malstabila, en diversaj lingvoj.

La litero Y estis uzata de la romanoj en la unua jarcento A.K.E. kiam ili transskribis grekajn vortojn kiuj uzis tiun grekan literon. En la greka la prononco estis, verŝajne, simila al la prononco de la litero *u* en la moderna franca lingvo (= *ü* en la moderna germana). La klasikaj romanoj prononcis la grekan literon Y kiel ni la literojn *i* aŭ *u*. En multaj lingvoj oni ankoraŭ nomas la literon *Y* "greka i".

La litero Z havis neregulan karieron en la latina alfabeto. Ĝi estis abolita ĉ. la jaro 300A.K.E. de Appius Claudius Caecus, sed reenkondukita ĉ. la jaro 1A.K.E. La sono reprezentata de Z en la antikva greka lingvo multe variis, ankaŭ en la latina, kaj en diversaj eŭropaj lingvoj nuntempaj.

La litero Q ankaŭ havas neregulan historion. En la antikva greka ĝi eble reprezentis la sonon de nia litero *k*, sed baldaŭ malaperis, anstataŭate de la varianta formo Φ kiu reprezentis ian varion de nia litero *p*, kaj poste nian sonon *f* aŭ la germanan sonon *pf*.

La sono de la grekaj literoj dum la klasika periodo estas plejparte nesciata.

## *Minuskloj k.c.*

Minuskloj, kaj la uzo de diversaj signetoj super, sub, kaj en alfabetaj literoj, estas relative moderna afero. Minuskloj unue estis ĝenerale uzataj por grekaj kaj latinaj literoj ĉ. la jaro 800K.E.. Mi pritraktos tion, kaj la uzadon de super-, sub-, kaj en-signoj, en numero 11 de *Mirmekobo*.

# BILDARO

## *Pingvenoj — Aŭstraliaj*





*Vespere ĉe Insulo Phillip, proksime al Melburno*

Ĉiuvespere la nanaj pingvenoj (*Eudyptula Minor*) naĝas al la insulo kaj surtere marŝas en longa vico al sia nestejo. La ĉefpingveno elektas la precizan vojon kaj la aliaj tre atente sekvas ĝiajn piedpaŝojn.

# Pingvenoj — Insulo Macquarie

Insulo Macquarie situas duonvoje inter la suda bordo de Aŭstralio kaj la bordo de Antarktiko; ĝi estas prizorgata de Aŭstralio. Sur ĝi loĝas diversaj specoj de pingvenoj.




*Pingveno Pygoscelis papua ĉe Insulo Macquarie*




*Pingveno Pygoselis antarctica, ĉe Insulo Macquarie*



*Pingveno Eudyptes chryscome ĉe Insulo Macquarie*




*Vartataj pingvenoj Aptenodytes patagonicus* ĉe *Auster Rookery* sur glaciinsulo proksime al Antarktiko

Pingvenoj estas inter nemultaj birdospecoj kiuj grupe prizorgas siajn infanojn. Dum la plenkreskaj gepatroj naĝas enmare serĉante manĝaĵon por siaj idoj, la infanaro estas en granda grupo, gardata de malgranda nombro da plenkreskuloj.

# ENIGMOJ

(Solvoj sur paĝo 28)

**de Viglo:**

**DIVENLUDO 75**
***Tro agema amiko***

Vespere tuj enlitiĝas. Neniam post la manĝo
vagadi ja videblas. Kaj ĉiam ektagiĝe,
el lito stariĝinte, zorgas kaj laboras
tuttage kaj senpaŭze. Kune eĉ ŝviteblas!

**DIVENLUDO 79**
***Romia Afriko***

Kie iam la Romianoj daŭre lasis
valorajn signojn,
Araboj nun triumfas laŭ teorio:
kiu vere scias,
kiom longe ni sur ili emos kalkuli?

**DIVENLUDO 81**
***Nefidinda ulo***

En ĉi tia zono, periferie,
kurbulo iras kaj post rondiro
denove alvenas ĉe l' deirpunkto
Ĉu malvirtulo? Ne, ĉar la aspekto
ege perfektas. Kio povus esti?

**de Sen Rodin:**

**LOGIK-ENIGMO**

La kompatinda Joĉjo malrespektis la reĝon Edipon, tial li estis kondamnita al severa puno.

Oni portas lin en ĉambron sur kies vando vidiĝas du pordoj: unu nigra, unu blanka. Li devas nepre eniri unu el la du pordoj, alie oni mortigos lin. Unu el la pordoj estas la "Savpordo": se li eniros ĝin, li estos liberigita. La alia estas la "Mortpordo": se li eniros ĝin, li estos pendigita. Tamen li ne scias, ĉu la Savpordo estas la nigra aŭ la blanka! En la ĉambro troviĝis du armitaj gardistoj. Unu estas Kavaliro (kiu ĉiam diras la veron); la alia estas Mensogisto (kiu ĉiam diras la malveron). Ambaŭ gardistoj scias, kiu estas la savpordo. Tamen Joĉjo ne scias, kiu el la du estas Kavaliro kaj kiu Mensogisto! Joĉjo rajtas fari nur

unusolan demandon al unu el la gardistoj, kaj la pridemandoto povos respondi nur "*jes*" aŭ "*ne*". Bonŝance Joĉjo doktoriĝis pri "Logiko" en la Universitato de Samarkando. Tial, post mallonga meditado, li faras la demandon, per la respondo ekscias kun certeco la koloron de la Savpordo, kaj saviĝas. Kiun demandon li faras?

---

# *Kial Ne Presita Revuo?*

Pluraj legantoj petis nin disponigi *Mirmekobon* ankaŭ en presita formo, kaj ne nur en elektronika retformo.

Tio ne eblas, pro praktikaj kaŭzoj:

(1) Kostas al mi, la redaktoro/eldonanto, neniom da mono disponigi *Mirmekobon* elektronike.

(2) La kosto de ĉiu ekzemplero presita sur papero estus proksimume A$7 = €5 (inkl. poŝtsendon). Tio signifas ke la abonprezo por unu jaro da *Mirmekobo* (4 numeroj) devus esti prokimsume €20. Abonantoj en la Amerikoj, Eŭropo kaj Azio devus atendi ĉ. 3 semajnojn por ricevi ĉiun ekzempleron de *Mirmekobo*, senditan per marpoŝto. (Pri aerpoŝto eĉ ne pensu! La kosto estus almenaŭ triobla!).

Ĉiu persono tamen rajtas mem presi ĝin per sia komputil-presilo laŭvole, en kia ajn kvanto, kaj ĝin doni al konatoj.

## *Kiel Presi*

Ĉi tiu numero de *Mirmekobo* estas tre zorge preparita por ke la multaj bildoj bone aspektu presite. Por atingi la plej bonan rezulton:

(1) Uzu bonkvalitan paperon taŭgan por inkĵeta porkomputila presilo. Via redaktoro provas ĉiun bildon per Epson C110, uzante normalan paperon.

(4) La paĝformato de *Mirmekobo* estas A5.

(3) Elektu la plej bonan preskvaliton. Ekzemple, la Epson C110, kiu estas inter la nemultekostaj porkomputil-presiloj, ebligas elekti en sia menuo:

Presilpretigo: →
Paĝaranĝo: normala →
Paperspeco: normala →
Koloro →
Modo: Aŭtomata altkvalito →



# BIOGRAFIAĴO

## PRI TRAMOJ KAJ TASOJ DA TEO

de Donald Broadribb

Frue en 1962. Mia tria tago en Aŭstralio, mia dua en Melburno. Mi jam aranĝis rendevuon ĉe la Universitato por la 2a horo ptm. Poste mi serĉis la vojon sur mia porturista mapo, ĉar ĝi montris la tramvojojn. Mi trovis la numeron 23 en cirkleto proksima al la loko nomita "Universitato". Sed kiam mi petis la konduktorinon ke ŝi vendu al mi bileton ĝis haltejo numero 23 ŝi tute ne komprenis. "Kie estas haltejo 23?" ŝi demandis. "Ĉu vi volas la Urbon?"

Pro kio ŝi demandis ĉu mi volas la urbon? Mi peraviadile venis al Melburno. Mi celas la Universitaton de Melburno. Se ĝi ne troviĝas en ĉi tiu urbo, do en kiu urbo? Perpleksa, mi kapjesis.

"Onentrippns" diris la virino. Aŭ ion tian. Estis malfacile kompreni, sed mi kredis ke eble ĝi estus deĉifrebla kiel "unu (ŝilingo) kaj tri pencoj". Mi prenis kelkajn monerojn el la poŝo kaj zorge rigardis ilin. Mi elektis arĝente brilan kaj tri rustaspektajn grandajn. Laŭ iu nekomprenebla logiko la plej grandaj, oni diras, estas malplej valoraj. Mi transdonis ilin al ŝi. Ŝi gapis al ili, poste al mi, kaj atendis minaceme. Fine, kvazaŭ perdinte ĉian paciencon, ŝi diris "Thassahaypnee"!

Evidente mi donis al ŝi malĝustan moneron, kvankam mi ne komprenis kiun. Embarasite, konfuzite, mi atente rigardis la aliajn monerojn en mia mano, prenis plian brilan kaj transdonis ĝin al ŝi. Ŝi kolere murmuris ion kaj ĵetis kelkajn monerojn al mi. Poste, ŝi prenis tabuleton sur kiu troviĝis diverskoloraj paperslipetoj, deŝiris bluan kaj per truilo enmetis trueton ie, ŝajne celante la marĝenon.

La versoj de Mark Twain aŭdiĝis en mia cerbo: *Punch brothers, punch with care! Punch in the presence of the passenjare!*

*A blue trip slip for an eightcent fare, A bufftrip slip for a sixcent fare, A pink trip slip for a threecent fare, Punch in the presence of the passenjare!*[1]

Oni uzis pencojn, ĉi tie, anstataŭ cendojn, sed klare la senco estis tute sama.

"Bonvolu atentigi min, kiam ni atingos la Universitaton," mi petis.

"Universitato? Kie oni trovas tion?" Ŝi ŝultrumis kaj foriris celante kolekti pagon de alia pasenĝero.

Mi intense rigardis tra la fenestrojn, cerbumante pri kiel mi scios kiam ni

---

1 Angle. = "Truetu, fratoj, truetu zorge! Truetu vidate de la pasaĝero! Blua veturslipo por okcenda pago, bruneta veturslipo por sespenca pago, rozkolora slipo por tricenda pago, truetu vidate de la pasaĝero!"

atingis la Universitaton. Laŭaspekte ni preterpasis senfinan vicon da malnovaj domoj, ĉiuj tute identaj. Mi strebis sekvi la vojon sur la porturista mapo, sed ĝi ne montris ĉiujn stratojn. Mi eksentis panikon. Tute certe ni jam preterpasis la ĝustan haltejon. Mi stariĝis kaj marŝis al unu el la nefermitaj "pordoj", ĉe kies kapoj estis rulitaj kanvasaĵoj, verŝajne por uzo kiam pluvas. La tramo pluiris, ne atentante la benkon apud la vojo, kiu klare indikis haltejon. La konduktorino denove kolere rigardis min. Ŝi trifoje tiris kordon kiu etendiĝis laŭlonge de la flanko de la plafono de la tramo, kaj la tramo ekhaltis abrupt-ĵetige. Mi eliris, humiligite, kaj min demandante kie sur la tero mi nun troviĝas.

Se ja troviĝas universitato ĉi tie, oni bone kaŝis ĝin. Mi tre volis scii kie mi estas. Stratonom-afiŝo ĉe vojkrucejo informis pri la nomo de la malgrava transiranta strateto, sed neniom informis pri la nomo de la ĉefvojo. Mi decidis provi la straton kiu ja estis nomita. Eble post kelka tempo mi trovos butikon, aŭ eĉ policiston, kiu povos informi min pri mia kieo. Baldaŭ mi atingis novan ĉefvojon. Denove neniu indiko pri ĝia nomo. Mi hazardeme turnis min kaj ektrovis ke la domo ĉe la stratangulo surhavas afiŝon kun la vorto "Kriminalogio". La domo estis firme fermita, sed ĝia ekzisto pensigis ke verŝajne ie proksime ja estas universitato. Trans la strato, laŭ mia vidkapablo, troviĝas nur amaso da arboj; kaj cis, malnovaj mallarĝaj domoj kun komunaj muroj kaj nur etaj gazonoj, kvazaŭ oni devis enŝovi ilin pro manko de spaco.

Mi transpromenis kaj trovis nerektan vojeton kiu serpentumis inter la arboj. Fojfoje eksubita ridado de kukaburoj rompis la pacan silenton. Kaj, jen, egale subite, la vicoj da arboj trovis finon kaj mi vidis displantitajn konstruaĵojn antaŭ mi. Tre malnovajn, kvazaŭ de la deknaŭa jarcento. Sendube jen la Universitato. Mi rigardis mian brakhorloĝon. Jam dekkvin minutoj antaŭ la 3a. Mi almarŝadis la konstruaĵojn, serĉante homenhavantan. Super tre antikv-aspekta ŝtona pordejo mi vidis la engravuritan vorton "Administracio". Mi eniris kaj vidis ke junulino estas aliflanke de giĉeto en la maldekstra muro.

"Bonvolu, ĉu vi povas informi min pri kie trovi la Departementon de Prisemidaj Studoj?" mi demandis.

La junulino gratis sian kapon, poste prenis malgrandan mapon el tirkesto kaj metis ĝin sur la giĉetobreton. Kune ni serĉumadis. Sur la mapo estis numeroj, laŭŝajne arbitre distribuitaj, indikantaj konstruaĵojn. Listo apud la marĝeno informis ke la Departemento de Prisemidaj Studoj estas numero 73. Ni plu serĉumadis, esperante trovi 73 sur la mapo.

"Jen!" triumfe diris la junulino, indikante per sia fingro. "Mi ĉirkaŭmetos cirklon." Per krajono ŝi desegnis cirkleton ĉirkaŭ la numeron. "Kaj jen ni nun," ŝi pludiris, kaj desegnis duan cirklon. "Tiu vojo sur la mapo—" ŝi perfingre indikis, "—estas tiu tuj ekster la ĉefpordo. Eliru, vin turnu dekstren, kaj sekvu

la vojon ĝis Parado de Reĝoj. La Departemento sendube troviĝas en iu el tiuj malnovaj domoj trans la strato. Ĝi estas apud konstruaĵo numero 89. Hmm, 89..." Denove ŝi serĉis en la apudmarĝena listo. "89 estas Kriminalogio. Do vi vidos malnovan domon kun afiŝo 'Kriminalogio'. Tuj apud ĝi estas la Departemento kiun vi volas."

Ŝi donis al mi la mapon. Mi dankis, kaj zorge obeis ŝiajn instrukciojn.

Baldaŭ mi retrovis min ĉe la domo afiŝumita "Kriminalogio". La domo apud ĝi nepre devas esti tiu kiun mi serĉas, malgraŭe ke ĝi ne surhavas afiŝon.

Mi eniris kaj tuj trovis du pordojn, po unu ĉiuflanke, fermitajn kaj sennomajn. Inter ili estis ŝtuparo. Mi decidis ke sendube temas pri malnova domo akirita de la Universitato kaj ial oni lokigis la oficejojn supretaĝe. Mi grimpis la malnovajn lignajn ŝtupojn kaj ĉesupre trovis kelkajn lumigitajn ĉambrojn kun nefermitaj pordoj sed tute sen personoj. Fine mi trovis ĉambron en kiu estas sekretario kun tajpilo. Mi timide surpordfrapis kaj ŝi ekrigardis min. "Mi aranĝis rendevuon kun la Profesoro de Prisemidaj Studoj," mi diris. "Ĉu mi trovis la ĝustan lokon?"

Ŝi kapjesis. "Sendube vi estas la nova reserĉ-studento el Usono. Via akĉento estas tre orelfrapa. Kaj vi malfruegas. Ĉu estis malfacile nin trovi?"

"Mi ankoraŭ ne lernis min orienti ĉi tie," mi diris. "Mi plene perdiĝis. Kaj la tramo estis tremiga sperto. Mi iom nebule memoras ion tian, el antaŭ la dua mondmilito, kiam mi estis tre juna."

La sekretario preskaŭ ridis. "Jes, mi kredas ke efektive oni konstruis tiujn vagonojn komence de la jarcento." Ŝi surpiediĝis kaj kondukis min al la fermita pordo de proksima ĉambro. Ŝi frapetis sur la pordon kaj malfermis ĝin. "Jen li," ŝi anoncis.

Malalta, tre dika viro troviĝis sidanta malantaŭ enorma skribotablo sur kiu estis amaso da paperfolioj. Li stariĝis kaj invitis min enmarŝi. Li serpentume venis inter seĝoj, el kiuj ĉiu surhavis amason da libroj, kaj manpremis kun mi. Li rapide rigardis la murhorloĝon. "Dekkvin minutoj post la tria," li diris kun ŝanceliĝanta tono. "Mi diris al la dekano ke ni estos ĉe lia oficejo je la dua kaj duono. Ni devos rapidege..." Li hezitis, poste ekridetis. "Ne, unue ni trinkos tason da teo." Li puŝis amason da libroj sur la plankon kaj indikis ke mi sidu sur la komforta fotelo kiun li tiel liberigis. Poste, li iris al la pordejo kaj kriis: "Johanjo, bonvolu prepari tason da teo por nia nova amiko usona, kaj ankaŭ tason por mi. Dankon." Li reiris al sia skribotablo kaj sidiĝis malrapide, kvazaŭ tute ne mankas al ni tempo. Subite penso evidente trafis lin: "Eble vi preferas kafon?" Li restariĝis.

Mi manneis. "Teon, bonvolu," mi diris. "Ni la usonanoj ja trinkas ankaŭ

teon, kvankam por vi eble estas malfacile kredi tion."

"La Tefesto de Bostono[1] estas jam forgesita, ĉu?" La profesoro ridetis. "Nu, ni tamen bonvenigas vin."

Alvenis la tasoj da teo kaj ni malrapide trinkis ĝin dum ni konversaciis. Plejparte pri Usono, kaj ĉu estas por mi malfacile kompreni la Aŭstralian akĉenton. Ni konversaciis dum ĉ. duona horo. Tiam rerigardis la horloĝon la profesoro, stariĝis kaj diris: "Nun ni iru al la oficejo de la dekano."

Mi sekvis lin. Ni malsupreniris la ŝtuparon, trairis la arbareton trans la strato, marŝis inter la disaj konstruaĵoj. Min surprizis trovi ke tiuj konstruaĵoj ĉirkaŭas bone zorgatan parketon en kiu abundas arboj kaj arbustoj. Denove mi aŭdis la malĝentilan ridadon de la kukaburoj. "Ili abundas ĉi tie," komentis la profesoro. "Vi rapide kutimiĝos al ili." Fine ni eniris malnovan grizŝtonan konstruaĵon, trairis labirinton de koridoroj kaj nin trovis ĉe la pordo de la oficejo de la dekano.

"Pardonu nian malfruon, mi petas," diris la profesoro dum ni eniris. "Jen nia nova studento el la Universitato de Ĉikago. Ni konversaciis pri Usono, tiel vigle ke mi plene forgesis ke mi aranĝis ke vi intervjuu lin. Bonvolu pardoni."

La dekano ridetis. "El Ĉikago, ĉu? Sendube urbo tre malsimila al nia, ĉu ne? Bonvolu sidiĝi." Li funkciigis interkomunikilon kaj parolis al sia sekretario: "Margareto, bonvolu prepari por ni tri tasojn da teo." Li denove alparolis min: "Nu, ĉu plaĉas al vi Aŭstralio?"

"Tre bela lando," mi respondis. "Mi kredas ke mi ĝuos laboradon ĉi tie...se mi sukcesos kompreni la tramsistemon."

Postkomento: La eventoj en ĉi tiu rakonto estas tute veraj. La universitata Departemento de Prisemidaj Studoj poste renomiĝis la Departemento de Mezorientaj Studoj. —DB


Kukaburo

[1] En decembro 1773 kolonianoj en la Bostona regiono perforte kaptis ŝarĝon de teo en Britaj ŝipoj kaj ĝin ĵetis enmaren, protestante kontraŭ la Brita monopolo de la te-merkato, kaj kontraŭ tiurilataj impostoj. Oni alnomis tiun proteston la "Bostona tefesto". Dum multaj jaroj post tio Usonanoj emis taksi tetrinkadon kiel perfidon. Sed nuntempe teo estas populara trankaĵo en Usono.

# SOLVO DE ENIGMOJ

**De Viglo:**
Solvo por **Divenludo 75** ***Tro agema amiko***
Solvo por **Divenludo 79** ***Romia Afriko:*** La Ciferoj
Solvo por **Divenludo 81** ***Nefidinda ulo:*** La Cirklo

**De Sen Rodin:**
Li demandas al unu el la du gardistoj: "Se mi demandus al via kolego 'ĉu la Savpordo estas la blanka?', ĉu li respondus 'jes' aŭ 'ne'?"

*[Se la respondo estos "ne", la savpordo estas la blanka. Se la respondo estas "jes", la savpordo estas la nigra.*

***Klarigo:*** *ni supozu, ke la savpordo estas la blanka. Se la pridemandito estas Kavaliro, li scias, ke lia kolego, estante Mensogisto, respondus mensoge "ne", sed li respondas la veron al la demando de Joĉjo: "ne".*

*Se la pridemandito estas Mensogisto, li scias, ke lia kolego, estante Kavaliro, respondus la veron: "jes". Do al la demando de Joĉjo li respondas mensogante "ne".*

*Analoge okazus, se la savpordo estus la nigra: tiuokaze ambaŭ gardistoj respondus "jes".]*

---

# PRESARTO

***Litertipoj***

Amerika skribmaŝino: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo
*Chancery: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo*
Fraktur: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo *[la germana alfabeto ĝis 1940]*
**Gütenberg 1454: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo**
Lucida Blackletter: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo
Lucida Sans: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo
Minion pro: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo
**Neue Schwabacher: mi deziraſ verki artikolon por Mirmekobo**
Ungar Fraktur WF: : mi deziraſ verki artikolon por Mirmekobo
Thrass: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo
*Zapfino: mi deziras verki artikolon por Mirmekobo*

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio, Aŭstralio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla senpage, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per viaj legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron aŭ por peti abonon, kaj por sendi kontribuaĵon:

mirmekobo@mac.com

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari laŭdezire kaj senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos. Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.


Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo kaj ankaŭ ĉe la retejo de la redakcio:

http://web.me.com/donbroadribb1/
Redaktoro: Donald Broadribb